# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

auto 11/03/2012 Trideksesa Eldono 2012 11/03/2012 SENDITA


Tiu ĉi letero havas "hiperligiloj" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger rspring@tpg.com.au; kaj kopiojn al Ivan ivan@melburno.org.au;

La Informa kaj noma paĝoj nur aperos je la dekaj kaj dekkvinaj eldonoj

## Logogrifo ĉe AE35

Kara Roger,

Mi bone ricevis la novaĵleteron. Estas bone, ke Crystal akceptis prezenti sin. Sed kiu verkis la raporton pri la kurso en Ĉinio? Nu, mi scias kiu estas, sed viaj legantoj supozeble ne divenos kiu estas la aŭtoro de la artikolo.

Amike Nicole



BAZA ESPERANTO KURSO EN ĈINIO, 11JAN -12 FEB. 2012. AE35

**Gerry Phelan** bone verkis la raporton phelangerry2@gmail.com

*Jen foto sur kiu vi vidas Gerry en Ĉinio*

Amike, *Nicole Else*

*nicole@cryogenic.net*

## Bonvenon al Crystal Hill

Kiel ordinara membro de Aŭstralia Esperanto-Asocio mi ŝatus elkore kaj sincere bonvenigi nian novan direktoron de Membraj Servoj. Fakte mi preferus, se estus simple "estrarano pri membraj servoj", sed momente ni forgesu pri tio, ĉu ne?

Do, al vi Crystal Hill mi diras "Koran Bonvenon al AEA". Mi esperas, same kiel vi mem, ke helpe de vi AEA baldaŭ fariĝos - kiel vi mem diris - ne nur pli bona, sed plej bona !!!

Plej amike, Bob Felby <esperantobob@bigpond.com>



En la foto AE35 oni vidas Dennis Keefe, Esperantisto de la jaro 2011 kaj Katalin Kovats kiu ricevis la premion de Esperantisto de la jaro 2010.

# Esperanto tabul-ludo




Nova Esperanto tabul-ludo nun haveblas. La ludo estas kreita de Kerry Robson. Alan Turvey kaj mi helpis ŝin verki la regulojn en Esperanto.

La reguloj en Esperanto trovigxas tie ĉi: http://www.adeptagames.com/index_tribavivo.html

Tie vi trovos la kartojn, tabulojn, kiujn vi povas mem presi http://www.adeptagames.com/download_tribavivo.html

Se vi deziras aĉeti la tutan ludon, vi povas aĉeti gxin ĉe: https://www.thegamecrafter.com/games/triba-vivo

Amike, Nicole Else nicole@cryogenic.net

VIZITO DE GRAVA INTERNACIA ESPERANTISTO

Dank'al Dianne Lukes, mi eksciis, ke ĉi-monate vizitas aŭstraliajn kaj novzelandajn urbojn Andrzej Grzebowski, Prezidanto de Internacia Klubo Esperantotur en Bydgoszcz, POLLANDO, kun grupo de turistoj, kiujn li gvidas ĉirkaŭ la mondo. En niaj landoj li nun krozas kun grupo de alilandanoj per ŝipo, *Radiance of the Seas*. Andrzej plurfoje uzis kiel bazon por ĉirkaŭ-aŭstraliaj kaj ĉirkaŭ-mondaj vojaĝoj dum la 1990aj jaroj la somerkursarojn kaj Universalan Kongreson en Adelajdo, foje kun sia edzino, Regina, siaj du filoj, Andreo kaj Romeo, kaj elstara Esperantotur stabanino, Walentyna Fiszer Dolinska. Ilia partoprenado en tiuj kursaroj multe helpis la internaciigon de la partoprenantaro de niaj E-eventoj.. Esperantistoj el multaj aliaj landoj, inkluzive de aŭstralianoj (ekz Trevor Steele kaj Max Wearing), ankaŭ gastis foje en la esperanto-hotelo de la familio Grzebowski en Bydgoszcz dum pasintaj jaroj. Dum la pasintjara Universala Kongreso en Kobenhavn, Adrzejo estis honorigegita pro sia longdaŭra kontribuo al Esperanto-turismo kaj -edukado. Jen lia ĉi-monata itinero ĉe ni. Ni esperu,

ke kelkaj el niaj legantoj havos la okazon bonvenigi lin. Morgaŭ mi gvidos lin kaj lian grupon al la urbocentro de Adelajdo por tagmanĝi kaj spekti programeron de la Adelaide Fringe Festival. . Max Wearing mwearing@internode.on.net

**Andrzej Grzebowski**

**Prezidanto de Internacia Klubo Esperantotur en Bydgoszcz, Pollando**

**AUSTRALIO –TASMANIO – NOV ZELANDO 4-26.03.2012**

4/5.03 – Flugo el Varsovio al Perth en Australio, vizitado Perth de kaj Fremantle 6.03 matene en Perth 6–24.03.2012 Krozado per sxipo*„Radiance of the Seas”- malmultekostaj kajutoj* AUSTRALIO–TASMANIO–NOV ZELANDIO

| | | Alveno | Foriro |
|---|---|---|---|
| 6.03 - 1 tago | 06 Mar PERTH (Fremantle) Australia | | 18.30 |
| 7.03 - 2 tago | 07 Mar ALBANY | 12.00 | 20.00 |
| 8.03 - 3 tago | 08 Mar ESPERANCE | 9.00 | 19.00 |
| 9.03 - 4 tago | tago en la maro - Hinda Oceano | | |
| 10.03 - 5 tago | tago en la maro | | |
| 11.03 - 6 tago | 11 Mar ADELAIDO Australio | 7.00 | 18.00 |
| 12.03 - 7 tago | tago en la maro – Granda Australia Golfo | | |
| 13.03 - 8 tago | 13 Mar MELBOURNE Australio | 7.00 | 19.00 |
| 14.03 - 9 tago | tago en la maro – Bassa Markolo kaj Tasmana Maro | | |
| 15.03 – 10 tago | 15 Mar HOBART- Tasmanio | 8.00 | 18.00 |
| 16.03 – 11 tago | tago en la Tasmana Maro | | |
| 17.03 – 12 tago | tago en la Tasmana Maro | | |
| 17.03 – 13 tago | Milford Sound – Fjordland | 7.00 | 8.00 |
| | Doubtful Sound – Fjordland | 12.00 | 13.00 |
| | Dusky Sound - Fjordland | 14.30 | 16.00 |
| 19.03 - 14 tago | 19 Mar Dunedin, Nov Zelando | 8.00 | 18.00 |
| 20.03 - 15 tago | 20 Mar Christchurch, Nov Zelando | 8.00 | 18.00 |
| 21.03 - 16 tago | 21 Mar Wellington, Nov Zelando | 7.00 | 16.00 |
| 22 03 - 17 tago | tago en la Tasmana Maro | | |
| 23.03 - 18 tago | tago en la Tasmana Maro | | |
| 24.03 - 19 tago | 24 Mar SYDNEY Australio | 7.00 | |

Vizitado de Sydney (i.a. Operejo, Harbour Bridge, The Rocks, Akvariumo, Darling Harbour) kaj 24/25/26.03 - flugreveno al Pollando

## Eraroj trovita en Aŭstraliaj Esperantistoj 35

Mi petas vin notu ke je la fino anstataŭ "Ĉu vi ŝanĝiĝos vian retadreson" vi devus simple uzi la transitivan verbon 'ŝanĝi' 'Ĉu vi ŝanĝos vian retadreson'.

Amikajn bondezirojn XXX